# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 14/06/2014 Cent sesdek naŭa eldono 14/06/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**




**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



Apreze al brazilaj esperantistoj

Klaku, Legu! Aŭskultu! Lernu! Spertiĝu!

Tiun ĉi sonartikolon verkis kaj produktis Gian Piero Savio el Israelo

Inter la 200 milionoj da loĝantoj de Brazilo, 15 procentoj (t.e. 30 milionoj) estas italdevenaj. Kiel italdevena mem, mi tre simpatias tiun pluretnan grandegan landon, des pli, ke mia pli juna frato, jam dekduon da jaroj, loĝas en Recifo, en la ekstrema nordorienta ŝtato de Pernambuko.

Kiel 70-jara emerito kaj 14-jara israela esperantisto, tre ĝojigas min la verva vigleco de la esperanta brazila movado. Mi ekde komence tre ŝatis la esperantajn verkojn de Gilbert Ledon kaj alte taksas la kontribuon al la Esperanta RetRadio de nia kunlaboranto Paŭlo Sergio Viana el San-Paŭlo. Aparte kortuŝas min la entuziasmo pri Esperanto de la brazilaj junuloj. Kompreneble, mi bone konscias, ke, same al junularo en la tuta mondo, ili havas amason da problemoj por integriĝi en la adolta vivo. Tio kaj la verŝajna nemalhavebla neceso lerni la anglan, ankaŭ en Brazilo kaŭzas poste la forlason de nia lingvo fare de komence entuziasmaj

junuloj.

Tamen vere kuraĝigas, ke tiom multaj junaj brazilanoj estas ravitaj fare de Esperanto. Eĉ en la nuna tre konsumisma kaj senideala mondo tio vere esperigas: la allogo de Esperanto kaj ĝia idealo daŭre vivas.

La esperanta agado de brazilanoj spegulas ilian kreemon kaj vivĝojon. Kiel ekzemplon, mi alkroĉas ĉi-sube animacian filmeton en Esperanto, pri kiu atentigis min nia samideano Paulo César, dediĉitan al la tutmonda Tago de la Tero, kiu okazas ĉiujare je la 22-a de aprilo. http://www.youtube.com/watch?feature=player_embedded&v=rCWER8QX7O4#t=0

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

## EsperantoTV http://www.esperantotv.net/

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo




## Ĉe Lingvaj Festivaloj, ktp

Ni devas propagandi per fordono de la senpaga Ŝlosilo.
La ĉeestantoj de lingvaj festivaloj interesiĝas pri lingvoj
La ŝlosilo montras kiel logika estas Esperanto.
Ĉu vi havas pli bonan metodon?

La Kolora Ŝlosilo havas preskaŭ la saman tekston
sed ĝi aspektos pli alloga. Presota baldaŭ

## Uzu Esperantajn literojn Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ

Unu el la plej facilaj metodoj **http://esperanto.typeit.org/** senpaga aŭ
eĉ pli facila http://www.typeit.org/app/?lang=esperanto&side $12.50

# Adelajda vintra kursaro

la 8-an de junio 2014.




La ĉijara vintro-kursaro estis 1-taga aranĝo dimanĉon, la 8-an de junio 2014. En la komfortaj ejoj de la komunumejo Box Factory kunvenis 14 interesiĝantoj, du el ili el Whyalla (400 km for de Adelajdo). Sandor Horvath instruis la komencantojn, Trevor Steele la progresantojn. Post la komuna lunĉo, prizorgita de Indrani Beharry-Lall, sekvis paroligaj ludoj, personaj rakontoj, mallongaj prelegetoj, diskutado pri lingvaj kaj organizaj problemoj. Ni amuziĝis kaj lernis samtempe. Pluraj aĉetumis en la malgranda libroservo.
Informas K.Steele








# Ĉu vi konis S-ron Edmund Zscheile

Mi studas la historion de la Esperanto-movado en Japanio kaj volas demandi vin, ĉu vi konis s-ron Edmund Zscheile aŭ ion scias pri li.

Mi demandas vin, ĉar mi trovis, ke "The Australian Esperantist" (1981, aprilo-majo) (p. 19 de la akompana dosiero) aperigis artikoleton "La malkuraĝulo" subskribitan de "mondvojaĝinto Edmund Zscheile." Temas pri interesa epizodo pri la komunikado inter li kaj iu japana esperantisto dum lia mondvojaĝo.




Mi publikigis lastjare "Biografian Leksikonon de la Esperanto-movado en Japanio" http://katalogo.uea.org/index.php?inf=9020! kun artikoleto pri li, sed pliaj informoj estas bonvenaj.

La vizito al Japanio de la Lejpzig-devena poeto-aktoro-mondovajaĝanto estis raportita siatempe en esperanto-gazetoj en Japanio en 1926-1927. Krome oni havas memorfoton kun japanaj esperantistoj:
http://www.bildarchivaustria.at/Pages/ImageDetail.aspx?p_iBildID=5347329



en Japanio, Kurume 1926

Sed ĉu eblas, ke li loĝis en Aŭstralio en 1981?
Mi estos tre danka al vi, se vi povos liveri al mi ajnajn informojn.

Sincere,
Prof. GOTOO Hitosi (Hitoshi Goto) gothit@m.tohoku.ac.jp
<URL:http://www.sal.tohoku.ac.jp/~gothit/>
plusendis Trevor Steele

## Lauren's Esperanto week 5: Parolas Esperanton




Jen la amikino de Benny Lewis post 5 semajna lernado de Esperanto.
Nun ŝi jam havas konversacion pere de Skype.
https://www.youtube.com/watch?v=kKALPigtirY

Amike, Nicole

## Studis Esperanton dum 6 semajnoj



Jen iu James, kiu studis Esperanton dum 6 semajnoj.
https://www.youtube.com/watch?v=LjCELBn3glk

Amike, Nicole



**Ignite Sydney** (http://www.ignitesydney.com) La evento kiu enhavos Esperanton okazos la 16-an de Julio ĉe "Oxford Art Factory - 38 Oxford St Darlinghurst" La pordoj malfermiĝas je la 6-a kaj prelegoj komenciĝos je la 7-a. Kompreneble ĉiuj Esperantistoj estas invititaj. Kutime partoprenas pli ol 500 homoj.

## Mandy Fung | Intervjuo Kun Mandy Fung la Estonta Novaĵleganto de Esperanto-TV



*Mandy Fung – Novaĵleganto de Esperanto-TV*

Antaŭ monato la skipo de Esperanto-TV komencis elserĉi aktoron por fariĝi la estonta novaĵleganto de Esperanto-TV. Post iom da tempo ni havigis al Mandy Funy la novan rolon precipe pro ŝiaj vigleco kaj afableco. Do, estas granda plezuro hodiaŭ prezenti finfine al vi la plej novan anon de nia kara skipo—Mandy Fung. Bonvolu legi la jenan intervjuon kun ŝi kaj lasu viajn gratulajn mesaĝojn!

## Bonan matenon, Mandy. Parolu iom pri vi… Naskiĝloko, aĝo, edukado, okupo kaj iom pri viaj karaktero kaj esperoj… t.e. la kutimaj enuigaj aferoj, ĉu ne? Bonvolu, paroli libere.

Mia nomo estas Mandy Fung kaj mi naskiĝis en Sidnejo. Mi loĝis ĉi tie dum la plejparto de mia vivo, kaj estas feliĉa membro de mia plurkultura komunumo. Mi estas la plej juna el miaj gefratoj, naskita de Honkongaj enmigrintoj. Dum nia kresko, la hejmo ĉiam plenis de ĥaoso ĉar ni estis tre ludema kaj aktiva aro. Miaj gepatroj devigis nin paroli la kantonan lingvon hejme, do sekve mi kaj la gefratoj fariĝis dulingvaj. La komunumo en kiu mi kreskis estis granda miksaĵo de kulturoj – mia baz-lernejo kundividis la areon kun lernejo por gravaj handikapuloj, transe de la vojo estis moskeo, aliflanke estis katolika infanlernejo, kaj malantaŭ estis greka lernejo. Ni estis tiel diversaj kiel harmoniaj.

Ĉar mi estis la plej juna el la filoj mi sentis malpli la premon elstari. Mi sukcesis postkuri miajn revojn de junulino. Mi abiturientiĝis, sentante la pasion por verkado kaj demandado, kaj do kompreneble mia elektita kariero estis ĵurnalismo. Mi elektis la fakultaton pri Amaskomunikiloj kaj Komunikado ĉe UNSW (la Universitato de Novsudkimrio) ĉar tio oferis al mi instruon pri amaskomunikiloj kaj verkado. Bakalaŭriĝinte, mi rimarkis, ke kvankam mi amis verki, filmi kaj produkti, en mi naskiĝis granda intereso por prezenti en teatro aŭ antaŭ kamerao. Do mi iris al Novkastelo por studi aktoradon kaj neniam bedaŭris tiun decidon.

## Mi rimarkis, ke vi estas juna aktorino, kiu loĝas en tre fekunda medio por film-produktado kaj parolas la lingvon (ververe la lingvojn) plej ofte uzatan en la film-industrio… Do, kial vi aŭdace aliĝis al projekto kiu postulas, ke vi lernu “nekutiman” lingvon kiel Esperanton?

Estas amuze ke vi demandis min kial mi aliĝis al “nekutima” mondo de Esperanto. Kurioze, kvankam Aŭstralio estas abunde pluretna socio kaj la ĉina ekonomio eksplodas apude – mi ankoraŭ taksas min “ege nekutima”. La Aŭstraliaj amaskomunikiloj ne reprezentas la realan socion, en kiu ni vivas – televido kaj teatro ankoraŭ estas plenplena de kaŭkazaj viraj vizaĝoj. Malrapide sed nepre, tio ŝanĝiĝas en Aŭstralio, kaj mi ekscitiĝas pri la venontaj ŝanĝoj, kaj mi sentas, ke Esperanto ludos gravan rolon en tiu transformo. Mi legis la postulojn por esti novaĵleganto [ĉe Esperanto-TV] kaj la rolo ŝajnis laŭtvoki min laŭnome… kaj do jen mi, kun studaj notoj kaj fluoreskaj substrekiloj en la manoj, lernante la belegan lingvon, kia estas Esperanto.

## Kion pri via lernado?

La lernado de la lingvo estis tre agrabla sperto. Mi uzis la LERNU-retejon kaj mi opinias, ke ĝia lern-planado estas bonega. Mi studas laŭ mia rapideco kaj komprenas ĉiam pli laŭ sinsekvaj tagoj. Mi ekzercas min en la parolado kaj la legado ĉiutage, tiamaniere mi ne sentas la timigan pezon, kaj kiel rezulto nun ankaŭ mia hundo povas kompreni iom da Esperanto.

## Kion vi antaŭvidas de ĉi tiu sperto **(mi celas diri nun kaj estontece)?**

Unue, mi deziras intense studi kaj lerni Esperanton. Mi opinias, ke lingvoj estas tre interesaj, utilaj, kaj perfektaj iloj por kompreni la intencojn kaj agojn de la aliaj homoj. Due kaj des pli grave, mi sentas ke ETV havas la potencialon ŝanĝi la mondon kaj, laŭ mi, tio estas la "sola ŝanco en la vivo" por ĉeesti la frontlinion de tiu ŝanĝo. La elano pligrandiĝas, la ŝanĝo estas en la aero kaj mi sentas ke ni estas pozitiva portanta forto, preta por rearanĝi kaj eduki la mondon.

## Ĉu vi povas priskribi la skipon de ETV? Kion vi opinias pri viaj kolegoj kaj iliaj celoj?

La skipo de ETV estas tre inspira aro de personoj. Kiel grupo, ili estas tre fervoraj, kuniĝintaj de iliaj pasio kaj celoj, sed ankaŭ sentimaj kontraŭ konformismo kaj malhelpoj.
La produktoro Richard Delamore havas viglan planon kaj estas la estranta forto por realigi tiun ideon, kaj li ĉirkaŭas sin per valora grupo de personoj, kiuj ankaŭ havas la sperton por helpi lin realigi tiun projekton. La asociita produktoro Dmitry Lushnikov aspektas surface serioza sed fakte li havas la plej varman ridon kaj naturon. Kie io falsas, Dmitry estas jam surloke por kapti, rearanĝi kaj survojigi ĝin. Marina Lobanova estas la vigla kaj kreema merkatisto, ŝi neniam timas provi novajn aferojn aŭ prezenti freŝajn ideojn. Tiuj estas anoj el la Sidneja skipo; sed eksterlande ni havas ankaŭ Antonio Codazzi, kiu elane kontribuas el Italio. Li estas nia ĵurnalisto kaj konsilisto, kiu alportas sian propran senson de humoro kaj ruzeco; li sugestas pri la intervjuoj kaj redaktas por la skipo. Fine sed ne malpli grave, ĉeestas Roberto Poort, nia "en-usona" spertulo pri elsendaĵoj. La tre profunda kono de Roberto pri la elsendaĵoj, kiuj devenas de lia propra retejo kaj liaj amikaj Esperant-medioj estas kunigitaj kun lia intensa kaj edifa personeco.
Kune, la skipo estas varia aro de homoj, kiuj havas tute malsamajn personecojn kaj vivspertojn, sed kune, la dinamikoj ekvilibrigas la teamon. La skipo bone laboras kune; ĉiuj kunhelpas per siaj ideoj kaj emas sincere kontribui al la idealo, kaj mi sentis min kiel en mia hejmo kiam mi aliĝis al la teamo kaj mi estis varme bonvenigita. Mi esperas nur ke mi povas senĉese kreskigi la pasion kaj projekton de la skipo.

Ĉu ĉi tiu intervjuo plaĉas al vi?
Se jes, diskonigu ĝin al ĉiuj viaj amikoj, kaj informu ilin pri Esperanto-TV. Intervjuo farita de "H. H".

Informis Richard Delamore

AE ne havas retadresojn por kelkaj menciitaj en la supra artikolo. Ĉu ili interesiĝas pri okazaĵoj en Aŭstralio?

# Lanĉo de Esperanto-Ekspozicio en South-West Community centre (Adelajdo)

La profesie faritajn afiŝojn por la ekspozicio en la Migrada muzeo (2011) ni jam montris en Mawson Lakes (Adelajdo), en la sidneja E-domo kaj nun ni instalis ilin en alia adelajda komunumejo en la urbocentro. Sandor preparis la varbfoliojn (kaj multe varbis), Trevor kaj Katja prizorgis la instaladon de la afiŝoj kaj Indrani alportis manĝaĵojn kaj trinkaĵojn.
La festa lanĉo okazis vendrede, la 12-an de junio. Ni esperis, ke venos kelkaj unuafojaj scivolemuloj, sed eĉ se ne okazis tiel, la malferma ceremonieto iĝis por la ĉeestintoj (inter ili unu novulo kaj du lernantoj) agrabla sperto. Unue Sandor tratranĉis verdan "enir-rubandon" kaj kelkvorte lanĉis la ekspozicion. Post agrabla babilado ĉe tablo kun refreŝigaĵoj sekvis ĉiĉeronado de Trevor de afiŝo al afiŝo. Estis interese aŭdi la klarigojn kaj komentojn. Ni havis eĉ iom da E-muziko el kompakta disko ĉe kiu ni daŭrigis la interparoladon ĝis malfrue.
Katja.Steele





## Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

La venonta kunveno okazos la 22an de Junio. La 4an dimanĉon de ĉiu monato.

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Vidu AE 170

### Vortoj de "Lernu"

PLAŬDI

1. Eligi specialan bruon batiĝante kontraŭ plataj supraĵoj aŭ batate per io plata:

Kontraŭ la ŝipo plaŭdas maro.
Min malgajigas plaŭdo de la pluvo.
La akvo plaudiĝis (ekplaŭdis) pro la saltantaj fiŝoj.

2. Eligi specialan bruon, batante akvon per io plata:

Anasoj plaŭdis en akvo per la flugiloj.
Lavante vestojn ŝi plaŭdigis la ŝaŭmon.

3. Eligi bruon similan al tiu de plaŭdanta akvo:

Post la spektaĵo ĉiuj spektantoj plaŭdis al la aktoroj.
La silenton subite interrompis plaŭdado de ĉevalaj piedoj.

Sendu novaĵon al la novaĵletero 'Aŭstraliaj Esperantistoj'.